# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 90**

Bulteno de KAEM

Januaro 2016

---

## Karaj aziaj gesamideanoj

Wang Ruixiang
prezidanto de KAEM



Mi kore salutas vin okaze de la nova jaro 2016! En la lasta jaro la Esperanto-movado en Azio glate progresis, kiel tion montras sukcesa okazigo de Esperanto-kongresoj kaj -seminarioj en diversaj partoj de nia mondparto. Mi deziras, ke ankaŭ en la nova jaro prosperu la movado en Azio.

Aparte menciindas, ke ĉi-jare la 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en Ĉinio. Estas granda honoro por la ĉinaj esperantistoj organizi tiun ĉi gravan aranĝon. Esperebla vi ĉiuj partopreno ĝin por diskuti la pluan progresigon de la movado en Azio.

==============================================

**Ni kune sukcesigu la 8an Azian Kongreson!**

11.3-6: la 8-a Azia Esperanto-Kongreso (Ĉinio/ Quangzhou)

# Nia agado por la nova jaro 2016
## INUMARU Fumio, Vic-prezidanto de KAEM

En la komenco de la nova jaro 2016 mi salutas vin elkore. Mi esperas plian disvastigon de Esperanto en nia tereno Azio.

Bazo de nia movado estas regulaj kunsidoj aŭ memklopodo por lernado kaj praktikado de nia lingvo, okazigo de kursoj kaj informado. Sur tiuj bazoj renkontiĝoj vid-al-vida aŭ retaj donas al ni ĝojon, amikojn, novajn ideojn kaj spertojn, kuraĝon al pli da agado k.s. Ankaŭ ĉi-jare diversaj Esperantaj aranĝoj estas planataj loke, province, nacie, regione kaj azie. Ni utiligu tiujn ŝancojn kun danko al iliaj organizantoj.

Novaj tendencoj tiris mian atenton. Ekzemple,

1) Post la unua irana kongreso en 2014 okazis la 2-a sukcese en 2015. La organizantoj alvokis partoprenon el najbaraj landoj. Kvankam tia ĉeesto estis nur unu el Turkio, mi pensas, ke tiu provo indas kiel komenco de kunlaboro inter najbaraj landoj. La 3-a okazos maje.
2) Komuna Trilanda Kongreso inter Aŭstralio, Novzelando kaj Indonezio okazos marte en Indonezio; realiĝo de kunlaboro inter najbaraj landoj.
3) La 4-a Sud-Azia Seminario okazos en Barato en 2017. Baratαj gesamideanoj utiligos ĝian okazigon ankaŭ por sia movado, mi esperas.
4) Alie 10 aziaj gejunuloj el 7 landoj kunsidis en Azia Junularo kadre de IJK en 2015. Ĉinaj gejunuloj kunsidis ĵus post la Strategia Forumo de UEA. En ambaŭ kazoj ili intencas kunlabori inter si. Ni atendu ilian progreson.

Tio estas ekzemploj. Restas diversaj ne menciataj ĉi-tie.

La 8-a Azia Kongreso okazos en la urbo Quanzhou (elp. Ĉuanĉou) en la provinco Fujian, Ĉinio inter la 3-a kaj la 6a de novembro en 2016. Bona ŝanco por la tuta Azio kaj aparte por proksimaj landoj. Azia movado estas tuto de niaj agadoj. Malfacilaĵoj troviĝas antaŭ ni, sed ni antaŭeniru, konkerante ĝin.

Sanon, feliĉon, sukceson, prosperon al vi ĉiuj.

# La 34a Komuna Seminario



Komuna Seminario, unu el la plej gravaj eventoj en Azio, precipe en la orienta Azio, okazis en la bela marborda urbo Busano, Koreio, ekde la 26a ĝis la 29a de decembro 2015, organizita de Korea Esperanto-Junularo kun la ĉefa temo "Esperanto tra kultura ondo". En ĝi partoprenis 77 gejunuloj kaj nejunuloj el diversaj landoj. Seminario havis abundajn programerojn. La 26an de decembro okazis registrado de la partoprenantoj kaj vespere Malferma Ceremonio kaj Interkona Vespero. Nome de Korea Esperanto-Junularo s-roj Park Kang kaj Ceo Hanul bonvenigis la partoprenantojn. Alilandaj esperantistoj salutis nome de sia lando. La salutadon sekvis la himno de Esperanto, ludo de fluto de Taja esperantisto, dramo de japanaj junuloj, kantoj de Vjetnamio, Nepalo, Ĉinio kaj Koreio.



La 27an de decembro okazis la oficiala kunsido kaj en ĝi kunsidantoj diskutis pri la junulara movado en Azio, pri la bezono de kunlaboro kaj pri la venonta Komuna Seminario.

Okazis instruado de la korea

lingvo kaj posttagmeze partoprenantoj duontage ekskursis al la malnova fervojo kaj la parko Igidae, kaj vespere estis promenado en Busano.

La 28an de decembro partoprenantoj povis ĝui koreajn tradiciajn ludojn en la marbordo. Kultura interŝanĝo estis unu el la gravaj programeroj de la seminario. LKK aranĝis apartajn ĉambrojn por prezenti laŭlandajn kulturojn kaj manĝaĵojn. Troviĝis ĉina, nepala, japana, taja, vjetnama kulturcentroj. Ekzemple en la ĉina kulturcentro oni ĝuis ĉinajn manĝaĵojn kaj informiĝis pri ĉinaj tradicio kaj kulturo.

La ferma ceremonio okazis proksime de la marbordo. Partoprenantoj povis ĝui tradician korean dancon kun Taja fluto. La ferman ceremonion vi povas rigardi en Youtube:
http://youtu.be/pOX96oJgrS0

En la kvara tago, la 29an de decembro, okazis tuttaga ekskurso al la turisma urbo Gyeongju. S-ro Park Kang kaj aliaj LKK-anoj gvidis la ekskurson. En ĝi partoprenis 17 esperantistoj. Ĝi estis sufiĉe kontentiga ekskurso.




Ĉio estis perfekte aranĝita kaj ĉiuj partoprenantoj sufiĉe ĝuis la programerojn. Do ĉiuj gratulis kaj dankis al KEJ pro la laboroj. Certe estis granda ŝarĝo sur la ŝultroj de KEJ kaj ĝin solvis KEJ tre lerte. Dankon al KAEM kaj koreaj esperantistoj, kiuj finance subtenis la partoprenon de kelkaj gejunuloj. Fine la prezidanto de Japana Esperanto-Junularo s-ro Kentaro Okunuki invitis partoprenantojn al la 35a KS, kiu okazos en Japanio en 2016.

Pradip Ghimire<esploristo@hotmail.com>

## Ni Renkontiĝis kun Revo

**ZHU Xueli (Ĉielia)**

La unuan fojon mi partoprenis en la KS kaj la unuan fojon mi partoprenis en la internacia aranĝo. Pri tiu ĉi KS, mia plej profunda impreso estas revo, la revo de Esperanto.

1. La junaj esperantistoj estas aktivaj

Komuna Seminario estas la grava aranĝo por junaj esperantistoj en orienta Azio. Multe da ili estas komencantoj, kaj ne bone parolis, sed ili aktive partoprenis en multaj programeroj kaj praktikis Esperanton.

2. La junaj esperantistoj estas respondecaj

La LKK-anoj de tiu ĉi KS estis 8 junuloj ĉirkaŭ 18-jaraj. Ili prizorgis la tutan aranĝon, inkluzive la planadon kaj la realigon. Ili bone prizorgis ĉion senprobleme. Iliaj diligentaj laboroj kaj atentemaj servoj kortuŝis min kaj ĉiujn partoprenantojn. Dankon al la LKK-anoj!

3. La junaj esperantistoj prizorgas la estontecon de Esperanto

Junaj esperantistoj estas la estonteco kaj revo de Esperanto. Kutime ili hezitas agi pozitive, sed ĉi tie, en la 34-a KS, ni kune diskutis pri Esperantaj aferoj, kaj sincere volis bonigi nian lingvon. En la oficiala kunsido, vjetnama esperantisto proponis starigi la komitaton de la KS. Eĉ dum la tagmanĝo ni daŭre parolis pri tio. Ĉiuj volis dividi tiun ideon por bonigi nian komunan lingvon Esperanton.

Esperanto devenas de la vorto “espero”, la lingvo de espero. Nia espero estas, ke oni ellernos la komunan lingvon en la tuta mondo por la mondpaco. Tio estas la espero de la lingvo Esperanto mem. Ĉi tie en Busano, en la 34-a KS, ni renkontiĝis kun tiu revo.

**Jaotome Maju (Japanio)**

Kiam mi eklernis Esperanton, mi neniam pensis, ke mi povos amikiĝi kun multaj homoj per ĝi. Mi neniam pensis, ke mi eĉ veturos, uzante Esperanton kiel mian ĉefan rimedon por komuniki. La venonta KS okazos en Japanio, do mi esperas, ke mi povos revidi miajn amikojn, kaj mi decidis, ke mi laboros multe por ĝia sukceso kun japanaj esperantistoj.

# Nepalo

## Dua Speciala Ekskurso 2016 kun AMO-Seminario

Nepala Esperanto-Asocio anoncas “12-tagan specialan ekskurson” kaj “AMO-Seminarion” ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2016. Ĉiuj scias, ke NEspA okazigas la Himalajan Renkontiĝon ĉiun duan jaron (ĉi-jare ni okazigis la 11an). La Himalaja Renkontiĝo signifas plejparte piedvagadon en la montaro, sed tio ne taŭgas al ĉiuj aĝgrupoj. Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Jen jam duafoje ni okazigis ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj atingeblaj per buso kaj situantaj piede de belaj pejzaĝoj, inkluzive de la famaj montaroj videblaj en Katmanduo, Ĉitŭan Nacia Parko, Nagarkot, Dulikhel kaj Pokhara.

Kvar lokoj de Nepalo estas agnoskitaj de UNESCO kiel mondheredaĵoj. En la unua, la valo de Katmanduo, reliefiĝas la urbo de Bhaktapuro, la reĝaj placoj de Katmanduo kaj Patano, la stupaoj de Svajambunath kaj Baŭdhnath, kaj la temploj de Paŝupatinath kaj Ĉangu Narajan. Dua kultura heredaĵo estas Lumbini. Plie estas la naturaj zonoj Everest Nacia Parko (1.148 km$^2$) kaj Reĝa Ĉitŭan Nacia Parko (932 km$^2$), kiujn ni vizitos dum la ekskurso.

**Laŭtaga programo**

La 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo
La 27a de februaro: Matena vizito al Baŭdhnath kaj Paŝupathinath, post tagmanĝo AMO-Seminario
La 28a de februaro: Matena vizito al Svajambhunath kaj post tagmanĝo AMO-Seminario
La 29a de februaro: Matena ferma programo de AMO kaj post tagmanĝo vizito al Bhaktapuro, kaj posttagmeze rekta vojaĝo al Nagarkot kaj tranokto tie
La 1a de marto: matena rigardado de montaroj kaj poste vojaĝo al Dulikhel (tiuj, kiuj povas marŝi, povas iri piede, sed tiuj, kiuj ne povas, per buso), Tranokto en Dulikhel
La 2a de marto: Matena vizito al Nomobuddha kaj forlaso de

Dulikhel por Ĉitŭan Nacia Parko, tranokto en la parko

La 3a de marto: Observado de birdoj antaŭ matenmanĝo. Kanota veturado kaj promenado antaŭ la tagmanĝo; elefantrajdo kaj ĝangala promenado posttagmeze

La 4a de marto: Ekveturo al Pokhara kaj boatado sur Phewa lago, tranokto en Pokhara

La 5a de marto: Je la 6a horo matene ekveturo al Sarangkot por rigardi Annapurna kaj aliajn montojn; posttagmeze ekskurso al diversaj lokoj

La 6a de marto: Matena ekskurso kaj post la tagmanĝo diversaj Esperantaj programeroj

La 7a de marto: Reveno al Katmanduo frumatene kaj ripozo

La 8a de marto: Libera tago kaj adiaŭa vespero

La 9a de marto: Foriro




La kotizo estas 850 eŭroj por unu persono.

La menciita kotizo validas por dulita ĉambro. Se vi deziras unulitan ĉambron (por la tuta periodo), bv aldoni 300 eŭrojn al la menciita sumo. La kotizo inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo. La programeroj ŝanĝeblas pro neatenditaj kialoj. Bv sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon. Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal. Telefono: 00977-9841273761. Retadreso: nespa.1990@gmail.com

Noto: Se vi volas partopreni nur AMO-Seminarion, bv korespondi aparte. La kotizo por Amo-Seminario nure estas 100 eŭroj kun tagmanĝo.

(Foto: La 11a IHR en 2015)

# Alvoko por la Internacia Virina Tago 2016

Skribas OSIOKA Taeko el la urbo Hirosima, Japanio.

Ni Hirosima Esperanto-Centro kiel unu el la 22 organizoj sub la Plenuma Komitato de Internacia Virina Tago 2016 Hirosima sendas al vi mesaĝon. Ni petas vin, ke vi doni al ni vian respondan mesaĝon por la Tago, kaj ke vi transdonu nian mesaĝon al viaj geamikoj, viaj asocioj. Ni ekspozicios viajn mesaĝojn ĉe publikaj ejoj de la urbo Hirosima, kaj prezentos en la kunveno de la Tago.

Kun antaŭdanko, OSIOKA Taeko

-------------------------------------------------------------------

## Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2016, Hirosima

Estimataj kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2016 Hirosima, konsistas el 22 organizoj kaj la municipo Hirosima, salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi.

En la 8-a de marto, 2016, por la Internacia Virina Tago de UN, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝos konstruon de la socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo Hirosima organizas kunlaborojn por heredigo de la socio paca al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

Hodiaŭ ni alfrontas krizon de ĉena reago de teroro kaj venĝo post la malvarma milito post la dua mondmilito, kaj ni demandas pri nia mondkoncepto en abundaj informoj. En 2015 la japana registaro ŝanĝis elektoleĝon por publikaj oficoj, por ke ekde 18-jaraĝaj homoj havu la voĉdonrajton. Gravas, ke ni mem kiel suvereno elektu la ĝustan informon pri la socio por prijuĝi kaj praktiki la rajton.

La temo de Internacia Virina Tago de 2016 estas “La estontecon malfermas ni mem. Trovu la veron el abundaj informoj.” En la tago ni aŭskultos prelegon de ĵurnalisto de Japana Ĵurnalista Asocio pri la nuna situacio kaj taskoj de ĵurnalismo, por ke precipe juna generacio povu praktiki sian voĉdonrajton kaj malfermu sian estontecon, kaj kune ni pripensos pri elekto kaj agado al vere paca mondo.

El la atombombita urbo Hirosima ni alvokas ĉiujn en la mondo al ne perforta solvo de la problemoj por paco.

Bonvolu doni vian opinion por nuligi nuklearmilon kaj militon, ni petas. Vian mesaĝon ni ekspozicios en kunvenejo de la urbo.

S-ino MATUMURA Aiko

Prezidanto de la plenuma komitato por la Internacia Virina Tago 2016, Hirosima

La municipo Hirosima

Kun virinaj organizoj:

Arko de Hirosima/ Konsilio Yui-porto/ Kina karavano/ Novjapana virina asocio/ Ligo de vartistoj/ Hirosima Esperanto-Centro/ Ligo de medicinaj sindikatoj/ Sindikato de emeritoj/ Instruista laborsindikato/ Ligo de solaj patrino kaj infano (urba)/ Laborsindikato de municipaj oficistoj/ Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj de la urbo/ Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hirosima/ Ligo de virinaj asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/ Centro de komuna partopreno de geviroj en la socio/ Ligo de Patrinoj de la gubernio/ Sekcio de komuna partopreno de geviroj de municipo Hirosima/ Konsilio de Kino-rondoj de la urbo.

Limdato kaj aliaj: la 10-a de februaro 2016

Maksimume sur unu leterpapero A-5 formata.

Ankaŭ viroj rajtas skribi al ni.

Kun notoj petataj: nomo, sekso, aĝo, se eble, profesio, loĝloko (urbonomo), lando.

Kontaktoadreso: OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp

Oogonzantyoo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio

# Zamenhofaj Festoj en Azio




**Indonezia Zamenhofa Tago**

## Japanio

# La 45-a Zamenhof-Festo en Kanagaŭa

**Sibayama Zyun'iti <sibazyun@nifty.com>;**

Estas 4 aktivaj Esperanto-rondoj en Gubernio Kanagaŭa, tuj okcidente de Tokio, formantaj Esperanto-Ligon de Kanagaŭa. Ĝi okazigis la 45-an Zamenhof-Feston en la posttagmezo de la 6-a de decembro 2015 en urbo Huzisaŭa, meze de la gubernio. Ĝin partoprenis 43 homoj, inkluzive de 6 homoj el ekster Esperantujo.

La plej granda karakterizaĵo ĉi-jara estis publike malfermita prelego de s-ro Hori Jasuo, nia bardo, en la komencaj 90 minutoj. Li (en la japana) parolis, kial kaj kiel li esperantistis, kaj kion li faris kaj faros por diskonigi la nordorient-japanan katastrofon 2011-an per cunamo kaj atomcentrala akcidento al la mondo pere de Esperanto. Fine de la prelego, kanto-grupo kantis japane kanton "Rekviemo" al la katastrofaj forpasintoj, kaj poste la grupo kantis tion Esperante.

Post ripozo komenciĝis la esperantista parto, sed tiun parton observis du studentinoj, kiuj utiligos sperton de tia Esperantujo por sia raporto. En tiu parto, post la prezento de la rondoj, la 100-a UK en Lillo estis projekcie prezentita. Sekvis bildorakontado (ne projekcie sed per mandesegnitaj bildofolioj) de Huzisaŭa-anoj pri "Enoŝima" --- histoririĉa insulo en la urbo. La Projekto Eroŝenko 125 estis prezentita, nome pri blinda rusa esperantisto-literaturisto Eroŝenko naskiĝinta antaŭ 125 jaroj. Jen kanto "Rekviemo", kaj la kanto-grupo gvidis, ke ĉiuj kune kantu la himnon "La Espero". Esperantaj libroj estis prezentitaj por vendo. La verda standardo estis transdonita al la membro de Odaŭara, kiu venontjare organizos la Zamenhof-Feston. "La Tagiĝo" fermis entute 4 horojn kaj duonon da programo bunta kaj varia.



# Zamenhofa Tago de Tokio-Esperanto-Klubo

La 13an de decembro okazis la Zamenhofa Festo de Tokio-Esperanto-Klubo en la urbo Ĉofu de Tokio kun la partopreno de 25 homoj.

Post la salutoj de la prezidanto de la klubo kaj la reprezentanto de Kantoo-Esperanto-Ligo, okazis sinsekve jenaj prelegoj:

1. "Esperantista Patro kaj mi" de s-ro HORI Jasuo
   Patro de s-ro Hori fariĝis esperantisto post la dua mondmilito kaj agadis en la universitato Gunma. Li estis tre talenta homo. Li estis ne nur esperantisto, sed ankaŭ biologo kiel sia profesio, pentristo, eseisto kaj hajkisto. Li havis kurson en la universitato kaj unu el liaj disĉiploj estas Joŝie Kleeman loĝanta en Germanio. S-ro Hori estis influita de li kaj fariĝis esperantisto.
2. "Ĉinio kaj Eŭropo" de s-ro Igaraŝi Takeo
   Ĝis la meza epoko Ĉinio estis tre progresinta en scienco kaj teknologio, sed poste Eŭropo regis la mondon en tiuj kampoj. Kial tio okazis? Li prelegis pri tiu sekreto.
3. "Kvar konataj Nobel-premiitoj en Pollando" de Igor Wasilewski
   Li parolis pri sciencisto Maria Curie, verkisto Henryk Sienkviewicz, poeto Wieslawa Szymborska kaj politikisto Lech Walesa.
4. "Per Esperanto ni longe vivu" de s-ro Ooba Acuo.
   Li parolis precipe pri saniĝo per Esperanto.
5. "Slovakio kaj Nitro, kongreslando de la venonta UK" de d-ro Yugov SEVA.
   Li montris fotojn de Slovakio kaj la urbo Nitra, kie okazos la venonta UK.

Poste en restoracio apud la stacidomo ni havis bankedon. En ĝi s-ro HORI prezentis ventroparoladon, muzikis per nekutimaj muzikiloj el la mondo kaj fine iniciatis Bingon. Ĉiuj havis tre amuzan tempon kaj kun granda kontento reiris hejmen.

# Indonezio

## Zamenhofa Tago de Indonezio

Kiel grava tago en Esperantujo, esperantistoj el la mondo festas Zamenhofan Tagon aŭ ankaŭ estas konata kiel Tago de Esperanta libro. En Indonezio ankaŭ okazis aferoj en kelkaj urboj por festi la tagon.

**Ĝakarta**

La Ĝakarta E-klubo “Esperiga Suno” festis la tagon en sia lasta kunveno ĉi-jare la 13an de decembro ĉe iu manĝo-placo kun speciala ĉeesto de “s-ro Zamenhof” kiel parto de mallonga teatraĵo. Ok klubanoj amuze partoprenis por la programero, kiuj komenciĝis je la 2a posttagmeze. Unue la domestro, Rizki Maulana, malfermis la feston kaj bonvenigis la klubanojn. Sekve alia klubano Bambang Priantono legis mallongan vivhistorion de Zamenhof kaj legis siajn poemojn kun tri aliaj klubanoj. Estis tiom speciale, ke la plej juna membro de la klubo, ok-jaraĝa knabo, Marvel, legis la faman poemon de Zamenhof, kies titolo estas ‘Ho Mia Kor’.



Poste, ĉiuj ĝuis kukojn kaj trinkaĵojn kaj samtempe aŭskultis amuzan intervjuon kun s-ro Zamenhof, kiu estis gvidita de Ilia Dewi. La festo estis tre amuza kaj agrabla, ĉar antaŭ la fino la klubanoj kantis kune la kanton, kies titolo estas Kanto al la Mondo de Daniel Haddad, kiu troviĝas en JuTubo (YouTube). Por konservi tiun belan tempon, la festo filmiĝis kaj videblas ĉe kanalo de
https://www.youtube.com/watch?v=UfO0TDRQiSo.

**Bandung**

La E-klubanoj faris mallongan filmon "Bonan Zamenhofan Tagon" por saluti kaj bondeziri al ĉiu samideano el tuta mondo. Ili ankaŭ faris interesajn fotojn, kiuj esprimas la ĝojon, amikecon kaj agrablecon de la Zamenhofa tago. Ĉiuj libere kreis la temojn de fotoj laŭ siaj ideoj kaj alŝutis ilin al Instagram "esperantoenindonezio".

**Jogjakarto**

Alia estas E-grupanoj de Jogjakarto, kiu festis la tagon per sia partopreno al kampanjo de #EsperantoLives. Tiu kampanjo estis instigita de Richard Delamore el Aŭstralio kaj Chuck Smith el Usono, kiu nun loĝas en Germanio. Por partopreni tian kampanjon, oni kreis filmeton pri Esperanto en sia nacia lingvo kaj alŝutis ĝin al JuTubo kaj metis #EsperantoLives en la titolo. La celo estas por levi intereson pri Esperanto per la subita kaj amasa uzado de la kradvortoj #EsperantoLives la 15-an de decembro. Se sufiĉe da esperantistoj partoprenos, la kradvortoj #EsperantoLives povos esti en la ĉefa paĝo de Tvitero kaj respektivaj retejoj. Tiam la E-grupanoj sukcesos krei kvin filmetojn en Indonezia kaj Java lingvoj. Dum tiu vespera renkontiĝo en restoracio, ili ankaŭ agrable babilis kaj kunmanĝis.

Verkita de Ilia Sumilfia Dewi : iea@esperanto.or.id

# Israelo

## Zamenhof-tago en la Tel-Aviva E-klubo

Pli ol kvardek personoj festis la Zamenhofan Tagon en Tel-Aviva E-klubo, la 15an de decembro 2015. Estis unu el la plej belaj kaj buntaj Z-festoj, kiujn mi memoras, dank' al la riĉa kaj altkvalita programo organizita de Matilda.

La "najlo" de la vespero estis la belaj tradukoj de israelaj kantoj prezentitaj de Amir Naor kaj kantitaj de Shushia kaj Oded. Krome kantis kaj akompanis ankaŭ Doron kaj Enrica. Tali prezentis eŭritmian dancon de la franca popolkanto "Fojnamaseto".

Gabi prelegis hebree pri "tempo kaj kalendaro", Michal Esperante pri "plantoj en surprizaj lokoj" kun interesaj fotoj. Amri resumis per bildoj la agadon de ELI dum la jaro kaj invitis ĉiujn al la 17-a Israela Kongreso en aprilo.

http://esperanto.org.il/dosieroj/IK17unuainfo.pdf

Ĉiuj ĉeestantaj membroj ricevis ekzempleron de la nova "Israela Esperantisto (n-ro 161)", kiu alvenis freŝe de la presejo. La ceteraj kaj eksterlandaj abonantoj ricevos poŝte. Fine oni elektis la estraron de ELI - pli malpli la malnova teamo kun la aldono de Doron Modan.

Fotoj videblas en Facebook
https://www.facebook.com/amri.wandel/posts/10208479611057731?pnref=story

Prezidanto de ELI, Amri Wandel <amriwandel@gmail.com>

# Nepalo

## Zamenhofa Tago en Katmanduo

Kiel kutime en antaŭaj jaroj ĉi-jare ankaŭ Nepala Esperanto-Asocio festis Zamenhof-tagon. Partoprenis en ĝi 34 homoj, kiuj estas membroj de Nepala Esperanto-Asocio, Nepala Esperanto-Junulara Organizo kaj

junuloj de kolegio, kiuj jam ricevis bazan kurson de Esperanto. S-ro Bharat Kumar Ghimire (Ĝenerala Sekretario de NEspA) gvidis la programon. S-ino Indu Devi Thapalya (Prezidanto de NEspA), s-ro Mukunda Pathik (KAEM-ano), s-ro L.P Agnihotri (Renkontiĝa Ĉefo) lumigante kandelojn omaĝis al Zamenhof. Poste okazis kantado de la himno "Espero" kaj komuna fotado.



S-ro Bharat emocie rakontis pri Zamenhof kaj sia vivo nepallingve. Li klarigis pri tio, kiel kaj kial Zamenhof kreis la lingvon kaj kiel la lingvo helpas la homaron interkomunikiĝadi kaj pri la utileco de la lingvo. Li ankaŭ iomete rakontis pri la historio de E-movado en Nepalo. Poste s-ro Mukunda parolis pri Esperanto kaj ĝia universaleco kaj motivis la junulojn al lernado de la lingvo, plue parolis pri lia intervujo en nacia televidkanalo pri Esperanto. S-ro L. P Agnihotri faris mallongan parolon, tuŝante la temojn; kiel antaŭenigi movadon, kiel daŭre sukcesigi renkontiĝojn kaj kiel utila estas la renkontiĝo por la movado. S-ino Indu parolis pri la logikeco de la lingvo kaj ŝiaj spertoj kaj dankis al pioniroj de NEspA, ĉar ĉi-jare NEspA festos la 25-jaran jubileon. Estrarano de NEspA s-ro Navin lal Shrestha parolis pri la nuntempa situacio de Nepalo kaj lingvodiverseco en Nepalo. Konsilanto de NEspA Parashar same parolis kiel aliaj. Antaŭ la fino de la programo s-ro Punja Acharja parolis pri la malfacilaĵo de diversaj lingvoj en la internaciaj renkontiĝoj kaj kunsidoj. Fine ni manĝis vespermanĝon preparitan de s-ro Bharat kaj s-ino Sharmila. NEspA dankas al ĉiuj partoprenantoj.

# Vjetnamio

## Festo de Zamenhof-tago kaj Esperanta Libro-tago




Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) festis Zamenhof-tagon kaj "Esperanta Libro-Tago"-n 2015 en la sidejo de VUAO (Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj), Hanojo. Ĉeestis pli ol 30 homoj esperantistaj kaj neesperantistaj. Estis rimarkinde, ke partoprenis en la festo du reprezentantoj de FSI-firmao, kiu subvenciis skanadon de esperantaj libroj eldonitaj de VEA. Krome, ĉi-jare ni bonvenigis s-ron Augusto Casquero, hispana esperantisto, bona amiko de vjetnamaj esperantistoj.

Kiel kutime, ni prezentis mallonge pri L. L Zamenhof kaj klarigis al ĉeestantoj, aparte al neesperantistaj pri la signifo de Zamenhof-Tago. Krome, okaze de Zamenhof-Tago ni faris bilancon de faritaĵoj en 2015 kaj proponis farendaĵojn en 2016 tiam, kiam vjetnama esperantistaro festos la 60an datrevenon de la fondiĝo de VEA. Do, ni esprimas nian klopodon plenumi gravajn taskojn en la nova jaro.

- Informada Komisiono raportis-

# Ĉinio

## Zamenhofa Tago en Pingtung, Tajvano

Pli ol 30 esperantistoj kaj ne-Esperantistoj partoprenis la ĉi-jaran Zamenhofan Feston, kiu okazis kiel kutime en Pingtung, suda urbo en Tajvano. Entute el 8 landoj venis la esperantistaj ĉeestantoj: Tajvano, Kanado, Malajzio, Filipino, Irano, Usono, Honkongo kaj Aŭstralio.

Dum la festo ni havis Skype-kontakton kun Lee Jungkee, estrarano de UEA en Koreio kaj parolis kun liaj studentoj tie, kaj poste kun Chuck Smith, la fondinto de Esperanta Vikipedio kaj "Esperantisto de la jaro 2015". Inter la programeroj estis:

Prelegoj pri Koreio, Esperanto, vojaĝo de Tajvanaj esperantistoj al Japanio por partopreno en Internacia Ĵamboreo kaj du kongresoj en Kantoo kaj Kansai, ĵonglado, kantado kaj muziko. Dum la paŭzo ni registris membrojn kaj abonantojn de Esperantaj gazetoj.

Reza KHEIRKHAH rezamenhof@yahoo.com

# Koreio

## La 156an Zamenhof-Tagon Korea Esperanto-Asocio festis



Okaze de la 156a Zamenhof-Tago, Korea Esperanto-Asocio festis ĝin en sia oficejo la 12an de decembro kun 12 esperantistoj. Per la himno 'La Espero' komenciĝis la festo kaj sekvis meditado por d-ro Zamenhof, salutparolo (LEE Young-koo, prez. de KEA), kaj raporto pri persona historio de d-ro Zamenhof (GIM In-hye). Laste oni ĝuis la specialan eventon 'Libro-Tago' por interŝanĝi E-librojn unu la alian. Rememore al la 156a Zamenhof-Tago Jeonbuk-filio donacis 400,000 ŭonojn al KEA por E-movado. ♧

# Esperantaj okazaĵoj en la tuta Azio

## Japanio

### Hukuoka-Esperanto-Societo (HES)

(La urbo Hukuoka situas en la suda insulo Kjuuŝuu)

En la lasta jaro, ni Hukuoka-anoj konstante okazigis monatan kunsidon por HES-anoj kaj unutagan kurson por komencantoj ĉiumonate en la urbo Hukuoka.

La partoprenintoj al la unutaga kurso estis totale 6. Kaj du el ili komencis lerni nian lingvon. Unu estas studentino kaj la alia estas mezaĝulino.

Krom tio ni okazigis unutagan kurson en la urbeto Dazaihu, kaj en ĝi partoprenis unu maljuna sinjorino.

La 20an de decembro ni okazigis Zamenhofan Feston en la urbo Hukuoka. En ĝi partoprenis 9 gesamideanoj. Ni kantis la himnon "La Espero", aŭskultis prelegeton pri s-ro Takasugi Iĉirou, kantis kelkajn kantojn kaj aŭskultis raporton pri la libroj de forpasinta s-ro UMEZU Sumitaka. Ĉi-jara Zamenhofa Festo okazis mallonge, ĉar ni devis uzi tempon por interkonsiliĝi pri la venonta Kjuuŝuau Kongreso.

En la venonta jaro ni daŭre okazigos monatan kunsidon por HES-anoj kaj unutagan kurson por komencantoj.

Krom tio ni devas okazigi la 90an Kjuuŝuuan Kongreson en majo. La kongresejo troviĝas en la urbeto Dazaihu, kaj la dato estos la 28a-29a de majo. Mi esperas, ke multaj gesamideanoj partoprenos en ĝi.

Mutoo Tacuko tmuto@lep.bbiq.jp

## Ĉu vi ne volas legi pli da Esperanto-libroj?

La 39a Internacia Esperanto-Sumoo okazos en marto ekde la 13a ĝis la 27a dum 15 tagoj. Du tiuj tagoj ĉiun tagon vi legados libron, kiun vi mem elektos. Por detalaj informoj, vizitu la suban TTT-ejon.

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

**Vjetnamio**

# Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro

Post pli ol 15 jaroj, finfine la Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro estas finredaktita. Ĝia apero en 2016 estas unu el la konkretaj agoj fare de vjetnamaj esperantistoj omaĝe al la 60-a jubileo de Vjetnama Esperanto-Asocio (1956-2016).

Jen konciza informo pri la vortaro:

(1) 10 652 kapvortoj

(2) ĝisdatigita per novaj terminoj pri politiko, ekonomio, kulturo, socio, scienco, teknologio.

(3) uzo de simplaj vortoj, spegulantaj ĉiutagan vivon, bazitaj sur la kapableco de Esperanto krei vortojn

(4) aldono de nomoj de homoj kaj lokoj de Vjetnamio kaj de najbaraj aziaj landoj

(5) terminaro de religioj, filozofioj disvastiĝintaj en Azio.

Formato: 14 x 21 cm,
Eldonejo: Thế Giới Eldonejo, Hanojo.
Dato de apero: junio 2016
Triona rabato por anticipa mendo (antaŭ aprilo 2016)

# Jubilea Festo okaze de la 60a datreveno de Vjetnama Esperanto-Asocio (1956-2016)

Laŭ sia plano de 2016, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) celebros la 60an datrevenon de sia fondiĝo (VEA-60) kadre de la Zamenhof Tago. Tiu solenaĵo estos speciala okazo por VEA fari la bilancon de siaj atingaĵoj dum la pasintaj 60 jaroj, esprimi sian dankemon al monda esperantistaro pro ilia subteno; laŭde citi la elstarajn kolektivojn, individuojn; ebligi komunikadon inter malsamaj generacioj de esperanto-parolantoj, naciaj kaj eksterlandaj.

Dato: Dimanĉo, la 11an de decembro 2016.
Loko: Sidejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO)

## La dua kunveno de lernantoj de Esperanto-kurso ĉe Duolingo

Ok lernantoj partoprenis en ĉi-semajna kunveno por Esperanto-lernantoj ĉe Duolingo. Duono de la kunventempo estis por demandoj rilataj al al kurso kaj la resta estis por parolpraktikado kaj babilado. Ĉi-foje, duboj ĉefe temis pri prononcado de vokaloj, semivokaloj kaj konsonantoj, kiuj ne ekzistas en la vjetnama lingvo aŭ aŭdiĝas strangaj al lernantoj, kaj pri tio, ke kiel distingi proksimajn sonojn. Komence, estis malfacile ĝuste prononci strangajn sonojn, sed klarigoj de grupgvidanto kaj daŭra praktikado pli-malpli helpas perfektigi prononcadon de la lernantoj. Hoan Tran hoantran37@gmail.com



# Rusio

## TILE-9 en Azia parto de Rusio

La 30-an de oktobro - la 7-an de novembro 2015 en Soĉi (Rusio) sukcese pasis "Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto - 9" (TILE-9). Kelkaj partoprenintoj daŭrigis la aranĝon eĉ la 8-an de novembro.

La aranĝon partoprenis 30 esperantistoj el 12 urboj de Rusio: el Soĉi - 9, el Jalta (Krimea Respubliko) - 6, el Uljanovask - 3, el Taganrog, Vladimir kaj Volgodonsk - po 2, el Arĥangelsk, Tomsk, Moskvo, Krasnodar, Gelendĵik kaj Brjansk - po 1. (12 viroj kaj 18 virinoj)

En la programo okazis ronda tablo pri E-agado en Rusio, prelego de Jefim Zajdman pri la stato de Krimeo antaŭ kaj post ĝia aliĝo al Rusio,

metiejo de Jefim Zajdman pri produktado de artaĵoj el ŝtonoj, renkontiĝo kun lokaj bardoj kaj interkonsento kun ili pri kunlaboro, vizito al la muzeo de Nikolao Ostrovskij, vizitoj al la arta kaj historia muzeoj, vizito al Rusa Geografia Societo kun ĝia minerala muzeo, vizito al "Arbo de Amikeco", vizito al "Parko Rivjera", vizito al la orgena halo, vizito al koloraj fontanoj, ekskursoj al Roza Ĥutor/Krasnaja Poljana, al la Olimpika Parko, al la Taksusa-buksa parko, al Nuksaj (Ореховые) akvofaloj, partopreno en la mitingo okaze de la 98-a datreveno de Granda Oktobra Revolucio la 7-an de novembro, diskutrondo pri la degeneriga fiagado de la ukrainaj naciistoj dum jardekoj, kiu (la fiagado) kondukas Ukrainion ĝis ĝia kompleta kolapso kaj fiasko.

Plej bone impresis la partoprenintojn la solenaj malfermo kaj fermo de la aranĝo, multaj promenoj en la urbo tage kaj nokte, kiujn gvidis nelacigeblaj soĉiaj esperantistinoj Irina Borisovna Poliŝĉuk kaj Larisa Soniĉeva. Vadim Solovjov el urbo Vladimir sonigis variajn registraĵojn de Esperanto-kantoj al la partoprenantoj, mem gitarludis kaj kantigis la esperantistojn en Esperanto. Vladimir Minin instruis grandan kaj tablan tenison al partoprenantoj kaj praktikis kun ili tiujn ludojn.

Vladimir MININ mininvl@yahoo.com

## Pakistano

Mi volas informi vin, ke pere de senlacaj klopodoj de pakistana junulo Adeel BUTT, la Nacia Universitato pri Modernaj Lingvoj en Islamabado, Pakistano **http://www.numl.edu.pk/,** kie li mem studas la turkan lingvon, permesis lin konduki Esperanto-kurson en ĝia bibliotekego ekde la venonta semajno. Pakistanaj esperantistoj precipe gejunuloj bezonas kuraĝigon de la Esperanto-movado. Plue mi volas peti, ke la gravuloj ĉe nia movado skribu dankleteretojn al la responduloj de la universitato.

Mian Salam SHANY m.s.shany@gmail.com

# Koreio

## Namkang-E-Lernejo




La 31a Namkang-E-Lernejo okazis inter la 28a kaj la 29a de novembro kun la nomo de « 2015 Aŭtuna Kursaro de KEA ». Aliĝis 34 homoj kaj partoprenis 39 en ĝi, kiun konsistigis laŭnivele 3 kursoj, t.e. Baza, Postbaza kaj Gvidantara.

・ Klaso B1: S-ino PARK Misook (Lasta) per Zamenhofa ekzercaro gvidis la unuan paŝon por novebakitoj kun celoj senigi prigramatikajn dubojn kaj montri norman uzadon de la lingvo.

・ Klaso B2: S-ro PARK Yongsung (Nema) faris enkondukon al ili pri la libro « Fundamenta Krestomatio », kiu bone servas al lernantoj kiel

modela legoteksto montranta, kio estas Esperanta stilo. Sciiĝante kun ĝiaj sep modelecoj, la kursanoj konsente prenis ĝin por sia legado.

· Klaso B3: Sekvan horon la gvidanto prezentis strategion precipe pri vortoj. Kondiĉe, ke la lernantoj havas kutimon kun la Zamenhofa ekzercaro, li proponis difinitajn faskojn da vortoj laŭ niveloj, alivorte laŭ ofteco en uzado. Por postbaza lernovojo ĉirkaŭ 700 vortoj estis donitaj kiel lernendaj kaj el ili 400 estas jam senpene ripeteblaj dank' al la kutimo de ĉiutaga ekzercado, kaj sekve al postbaza lernanto restas nur 300 vortoj, kiuj debutis kun modelaj ekzemploj en la kursara libreto.

· Klaso B4: S-ro KIM Bong-kyong (Boko) gvidis la komencantojn en ekparolan mondon per la multfoje provita de li maniero 'Provu en Esperanto', verkita de s-ro BAK Giwan kaj renovigita por kakaotoka utiligo. Trovante la montritajn vojojn efikaj en lernado, ĉiu kursano enlistigis sin en Ĉiutagan Lernadon en kakaotoko per la grupetoj: Ekzercaro de Zamenhof, Provu en Esperanto.

Postbazan kurson konsistigis ankaŭ 3 gvidantoj.

· Kurso P1: S-ino KIM Inhye (Ella) aplikis la panoraman metodon sur la teksto de '50- Esperante' bone konata al ni kiel efika por flueco de aŭskultado kaj elparolado en realtempa konversacio. Per la panorama metodo, en kiu oni serĉas frazojn laŭ donataj gramatikaj temoj, la gvidanto resumis frazformojn en mallonga tempo kaj lernantoj povis mem konstati la strukturojn de parolfrazoj.

· Kurso P2: Ĉar al postbazaj lernantoj ankaŭ grave rolas la bona posedo pri gramatiko, meze lokita estis klaso de gramatiko. S-ino PARK Suhyun prenis kiel ĉefan temon por la klasanoj 'Prepozicio', kiu unuavide estas nur simpla, tamen povas doni al ni tre diversan kaj liberan kapablon por Esperanta stilo, kiel montras la 20a leciono de la Fundamenta-Krestomatio-Ekzercaro.

· Kurso P3: 'Libroj' estis la temo de la lastaj horoj, kiujn prezidis s-ino PAIK Sunjo (Cigno). La klaso estis kunligita kun la katoka grupo 'la ĉiutaga legado, LeDoRi' kaj partoprenantoj dividis kun si informojn kaj rekomendojn sur libroj legitaj de ili mem. Sekve de la postbaza kurso,

lanĉita estis katoka klaso de ‘50- Esperante’ kaj la kursanoj decidis libron taŭgan por si kaj komencis ĉiutagan legadon helpe de kakaotoka grupiĝo.

Gvidantaran kurson gvidis s-ro MA Youngtae, akademiano kaj unu el niaj ĉefaj gvidantoj.

· Kurso G1, G2: Kvankam nun multiĝas meznivelaj kunlaborantoj, kiujn okupas oferema sinteno kaj parolkapablo, tamen por servi kiel bona gvidanto ĉe ni ofte troviĝas manko de bona esprimado per Esperanto. Respondante al tiu voko, li gvidas klinikon kiel serion da korektado sur frazoj faritaj de ni mem. Per 8 principoj de skribado kaj 34 ekzemploj por komparado, kursanoj ricevis teknikojn plibonigi sian stilon.

· Kurso G3: La gvidantara kurso havis ankaŭ rolon de libera konversacio kun temoj socie neŭtralaj, sur kiuj kursanoj povas provi Esperantan diskutadon.

Aparte invitita estis prelego de d-ro PARK Wha-Chong (Urso, eksprez. de KEA). Kun la titolo ‘Esperanto kaj Mi’, li kalejdoskopigis sian vivon akompanatan de la verda lingvo ekde sia juneco, kiel li unuafoje renkontis ĝin, kiel ĝi ŝanĝis al li la valoron kaj direkton de vivado, kiel li praktikis sian kuracistan mision per kliniko kun la nomo ‘Espero’, kaj kiel li proponis al sia familio utiligi la rekonstruitan tamen nur kiel memoraĵon restontan domon por homaranisma celo de Esperanto-lernado. Pro la maloportuneco de lia korpa malsano, li faris sian prelegon sur seĝo kaj per mallaŭta voĉo, sed ĝi faris al la aŭskultantoj fajran impreson.

S-ro HO Song preparis liberan babilejon, en kiu oni povas ripozi lernante portretadon. S-ino LEE Hyunsuk servis per gvidado de popoldanco, per kiu oni lernante diversajn dancpaŝojn povis ekzercadi membrojn lacajn de longa sidado. S-ro PARK Sosan, heredanto de la tradicia gruodanco, senforma kultura havaĵo de Koreio, faris prezentadon kaj ankaŭ ĝian lecionon, por ke ĉiu amiko povu lerni flugi kiel agrabla gruo. La sinjoro aliĝis sola al KEA-ekzameno kaj sukcesis.

S-ro PARK Kang, prez. de KEJ raporte prezentis pri la 34a Komuna Seminario, kiu okazos 4 tagojn ekde la 26a de dec. en la urbo Busan, kaj al kiu jam aliĝis 71 homoj inkluzive 24 alilandajn aktivulojn el Ĉinio, Japanio, Nepalo, Tajlando, Vjetnamio kaj Usono. S-ino LEE Chungwon kun samideanoj en la urbo Daegu faris sian plej bonan servon por nia lernejo.

Kritiko 1: Antaŭaliĝi estas forte rekomendinde. Dank' al partoprenantoj sen antaŭsciigo, kelkaj homoj ne povis ricevi la lernejan libron. Ni bezonas starigi regulon doni la presitan libron nur al antaŭmendinto (antaŭaliĝinto).
Kritiko 2: Kontraste al niaj lastaj kursaroj, en ĉi-foja lernejo regis plejparte krokodilaj voĉoj. Tion kaŭzis epidemia influo de kelkaj membroj, kiuj kvankam kiel antaŭuloj tamen preferas alparoli krokodile eĉ al komencantoj, kiuj venis longan vojon kontraŭ multe da pago nur por lerni praktikan uzadon de Esperanto. Ĉu ni devas starigi nevolan limigon por partoprenado? Al la lernejo vole venu homoj nur kun volo lerni, gvidi kaj influi bonan efikon al nun komencantaj amikoj.
Plano. Antaŭ la 48a Korea Kongreso en 2016, ni havos trifojajn ŝancojn kiel tutlandajn kursarojn. Por ke ĉiuj ĉi tio servu nur kiel kampo de praktikado de scio lernita en la daŭro de interkursaj monatoj, alte konsiderinde estas aranĝi niajn venontajn lernejojn en la formo de Esperanto-vilaĝo, kian ni konstruis antaŭ 2 jaroj.




# Ĉinio

## Granda amuzkunveno por Printempa Festo 2016

Liaoninga Ekonomia kaj Kulturo Grupo estas Wechat-grupo kreita de Liu Weijie, estrarano de LEA

(Liaoning-provinca Esperanto-Asocio). Nuntempe aliĝis al ĝi pli ol 300 personoj el eknomia kaj kultura kampoj, inter kiuj videblas nemalmultaj famaj komercistoj, verkistoj, pentristoj, kantistoj, komponistoj kaj tiel plu.

La17-an de januaro la grupo okazigis la grandan amuzkunvenon por Printempa Festo 2016. Pli ol 200 personoj ĉeestis ĉe ĝi. Membroj de la grupo prezentis belajn programerojn. Ĉe la enirejo staris granda tabulo pri Esperanto. Profitante la kunvenon, LEA efike propagandis Esperanton al la publiko kaj forte akcelis interŝanĝon kun diversaj rondoj. La franca esperantistino Marianne Dunlop, vojaĝanta en Liaoning, invitite partoprenis en la kunveno.

Raportis Wu Guojiang

## Opinio

### Mi estas maltrankvila pri la estonteco de Esperanto

Ekde tiam, kiam naskiĝis Esperanto, jam pasis pli ol cent jaroj. Kvankam ĉiujare okazas Universala Kongreso de Esperanto en iu malsama lando, tamen la kongresanoj plej parte estas maljunuloj kaj multe el ili krokodilas. Kvankam en ĉiu lando estas Esperanto-Asocioj, tamen estas malmulte da asocianoj, kiuj persistas en la parolado de Esperanto, eĉ kiam la asocianoj kunvenas. Kvankam preskaŭ ĉiuj konfesas, ke Esperanto estas taŭga internacia helpa lingvo, tamen ĝis nun neniu registaro de neniu lando en la mondo oficiale malfermas Esperanto-lecionon en la lernejoj kiel la naciajn lingvojn, kiel la anglan, la rusan, la francan kaj aliajn. Kvankam Esperanto-aktivuloj, kies Esperanto-nivelo estas alta, tamen, bedaŭrinde, estas malmulte da ili kaj ilia rolo en la mondo estas limigita.

Mi komencis memlerni Esperanton somerferie de la jaro 1978. Mi sukcesis en la Mezgrada ekzameno de ILEI/UEA dum la Unua Azia kaj Pacifika Kongreso de Esperanto en la urbo Qingdao en la jaro 1992. Mi estis membro de la konsilantaro de la Ŝanhaja Esperanto-Asocio dum la

jaroj 1993 ~ 2006 kaj mi estas individua membro de UEA ekde la jaro 1993 ĝis nun. Vespere de ĉiu vendredo ĉirkaŭ 20 geesperantistoj kunvenis en mia hejmo en la centro de la urbo ekde la jaro 1989, kiam s-ino Shi Yiming, kiu fondis Ŝanhajan Esperanto-kurson, flugis al Usono kaj mi ĉesigis la instruadon de Esperanto en la kurso ĝis la jaro 2003, kiam mi transloĝiĝis al la ĉirkaŭurbo de Ŝanhajo. En la jaro 2005 aperis Ŝanhaja Esperanto-salono sub la Ŝanhaja Esperanto-Asocio kaj la salonanoj kunvenas foje ĉiumonate, sed, bedaŭrinde, malmulte da salonanoj persistas en la parolado de Esperanto, kiam ili kunvenas. Oni diris, ke kiam la Landa Asocio kunvenas, ankaŭ estas tiele. Dum kelkdeko da jaroj mi tradukis kaj verkis nemalmulte da mitoj kaj rakontoj interesaj kaj plenaj de eduka signifo. Mi esperus ke ili povus esti eldonitaj kaj utilaj por la Esperanto-lernantoj, mi kontaktis en- kaj eksterlande, ĉirkaŭ la tutan mondon kaj samtempe mi diris, ke mi forlasu la rekompencon (honorarion), sed, bedaŭrinde, neniu en la mondo volus eldoni miajn verkojn. Mi esperus, ke mi povus daŭrigi fari ion por la Esperanto-movado. Mi aĉetis Esperanto-lernolibrojn el Beijing, donacis ilin al tiuj, kiuj volas lerni Esperanton kaj instruas al ili senpage, bedaŭrinde, unu junulo lernis pli ol dek lecionojn kaj ne venis. Mi telefonadis kaj sendadis al li mesaĝojn, sed li neniam respondis. Aliaj du junuloj, ricevinte la libron pere de la antaŭa junulo, neniam venis kaj donis al mi nek adreson nek telefonon kaj mi ne povas kontakti ilin. Mi diris pri tio al iu usona profesoro. Li diris al mi, ke li eĉ ne povas trovi tiun, kiu volas lerni Esperanton. Antaŭe en Japanio estis la Esperanto-revuoj “La Dua Buso”, “Preludo”, “Riveroj” kaj aliaj, sed nun ili jam ne plu ekzistas. Oni diris al mi, ke en Japanio se oni volus eldoni libron, li mem devas pagi pli ol cent mil enojn. Mi estas maltrankvila pri la estonteco de Esperanto.

JI Yin'geng <yingengji@163.com>

# Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**
B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanoj, Israelanoj: | 20 eŭroj, | Koreoj: | 10 eŭroj, |
| Ĉinoj: | 5 eŭroj, | Aliaj azianoj: | 2 eŭroj |

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2016. 7.16~23 / La 89a SAT-Kongreso (Herzberg am Harz, Germanio)
2016. 7.23~30 / La 101a Universala Esperanto-Kongreso (Nitra, Slovakio)
2017.7.22~29 (verŝajne) / La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo / Koreio)

## Azio

2016.2.20-21: Tutlanda Esperanto-Renkontiĝo (Koreio/Busano)
2016.2.26-29: 2-a Speciala Ekskurso kaj AMO Seminario (Nepalo)
2016.3.19-23: Komuna Trilanda Kongreso (Aŭstralio, Novzelando, Indonezio) (Indonezio/Bandung)
4.2-3: 26-a Internacia Esperanto- Kurskunveno (Japanio/Dazaihu)
4.2-3: Namkang-a Esperanto-Lernejo (Koreio/ Chongdo)
4.9-11.17: Esperanto-Domo de Jacugatake estos malferma (Japanio/Jamanaŝi)
4.14-16: 17-a Israela Kongreso de Esperanto (israleo/Jafo)
4.17-18: Preparo-kunsido por la 2-a Filmo-Festivalo "Teo kaj Amo " (Ĉinio/Hangzhou)
4.22-24: Printempaj tagoj de Esperanto-Domo de Jacugatake (Japanio/Jamanaŝi)
5.5-8: 12a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (IERM)

(Koreio/ Byunsan de provinco Jeonbuk)
5.13: 3-a Irana Esperanto-Kongreso (Irano/Tehrano)
5.28-29: 60-a Kjuuŝuu-a Kongreso de Espernato (Japanio/Dazaihu)
6.11-12: 65-a Kantoo-Espernato-Kongreso (Japanio/Tokio)
6.18-19: 64-a Kansaja Espernato-Kongreso (Japanio/Sakai)
9.17-19: Aŭtunaj tagoj de Esperanto-Domo de Jacugatake (Japanio/Jamanaŝi)
10.1-3: 48-a Korea Kongreso de Esperanto (Koreio/Seulo)
10.8-10: La 103a Japana Esperanto-Kongreso (Japanio/Ŝiga)
11.3-6: 8-a Azia Esperanto-Kongreso (Ĉinio/ Quangzhou)
11.5-6: 17a Ĉuugoku/Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Japanio/Ehime)
11.26-27: Namkang-a Esperanto-Lernejo (Koreio/Chongdo)
12.30 – 2017.1.2: Transjara Kurskunveno de Esperanto (Japanio/Kameoka)

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang lamondo@163.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno “Esperanto en Azio”

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com

Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** s-ro Tariq Umar Chaudhry tariquch@gmail.com

Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru

Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com

Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com

Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Indonezio:** s-ino Ilia Sumilfia Dewi ilia.dewi@gmail.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp

Kompilado de la bulteno “Esperanto en Azio”

Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp

**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

………………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado

Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)

Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Reta adreso al KAEM: <azio@yahoogroups.com>

TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/

Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3

## Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare aŭ retan version. Vi ne plu estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.

1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2014 kaj planoj en 2015.

3) Membreco: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)

* MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado kaj la revuo Esperanto rete.
  MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 29 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto)
  MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto

2. Sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com Aŭ sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI) Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   * Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.

3. Limdato: la 24a de decembro 2015. Tamen rapidu !

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!**

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .
* En 2015 membriĝis el Vjetnamio, Ĉinio, Indonezio, Mongolio kaj Taĝikio. Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.